# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 85**

Bulteno de KAEM

Oktobro 2014

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi)

http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem

(« Esperanto en Azio » troviĝas en tiu retejo)

---------------------------------------------------------------------------

## Azia Agado en la UK en Bonaero




La 29an de julio okazis Azia Agado. Komence s-ro LEE Jung-kee, estrarano de UEA, kaj poste la prezidanto de UEA s-ro Mark Fettes

salutis. Precipe Mark laŭdis KAEM-on kiel modelon de la regionaj agadoj, sed en tiu ĉi kunsido neniu KAEM-ano partoprenis, do s-roj Lee kaj Hori Jasuo, eksaj KAEM-prezidantoj, organizis la kunsidon. (Foto : Mark Fettes kaj Lee Jung-kee)



Poste s-ro Hori legis "Projektojn de KAEM" kun iom da agadraportoj. Dum la pasinta jaro KAEM membrigis 130 homojn al UEA, eldonis la revuon "Esperanto en Azio" kvarfoje kaj disdonis 350 ekzemplerojn al aziaj esperantistoj kaj 100 al subtenaj esperantistoj en Japanio kaj Koreio. Rilate al libro-sendado al malriĉaj landoj, s-ino Syozi Keiko el Japanio rekomendis, ke KAEM peru.

Troviĝis 5 landaj reprezentantoj: Vjetnamio, Nepalo, Koreio, Japanio, Ĉinio. Ili prezentis sian agadon. S-ro Nguyen Van Ha raportis, ke en Vjetnamio regule okazas Printempa Renkontiĝo, Zamenhofa Festo, Somera Renkontiĝo de Vjetnama Esperantista Junulara Organizo, kaj en decembro okazos La 33a Komuna Seminario inter la junularoj de 4 landoj.

Pri la nepala movado s-ro Bharat Ghimire raportis, ke en Nepalo okazis en marto Speciala Himalaja Renkontiĝo kun la partopreno de 17 eksterlandanoj. Problemo de la nepala movado estas, ke junaj esperantistoj elmigras eksterlanden por gajni pli bonan vivon. Malgraŭ tio, Nepala Esperanto-Asocio multe laboris/as por la sukcesigo de la 2a Sud-Azia Seminario (SAS) en Pakistano kaj la 3a SAS en Srilanko en 2017. Ĝi intencas organizi Internacian Junularan Kongreson en 2017, se okazos la UK en Koreio en tiu jaro.

Brila (s-ino Oh Soon-mo) raportis, ke en Koreio progresas la movado konstante, kaj precipe menciinde estas, ke junuloj vigle agadas. Multaj aliĝis al "kakaotoko-grupo" kaj rete ĉiun tagon poluras sian

Esperanto-parolkapablon. En tiu ĉi jaro du gejunuloj, Onia kaj Mondero, aparte eldonis libron.

Pri la japana movado s-ro Suzuki Keiiĉiroo, la prezidanto de Japana Esperanto-Instituto, prezentis JEI-on kaj ĝiajn agadojn, ekzemple la 100an Japanan Kongreson en la lasta jaro kaj la 101an Japanan Kongreson en tiu ĉi jaro.

En Ĉinio Trezoro (s-ro Huang Yinbao) kaj Semio (s-ro Sun Mingxiao) raportis jenajn aferojn:

1. En ĉinaj kongresoj multaj krokodilis en la ĉina, sed lastan jaron tiu malbona tendenco ekmalaperis.
2. Antaŭe ĉiuj ĉinaj esperantistoj aliĝis al UEA per subteno de UEA, sed nun 60 membriĝis mempaginte kaj 10 fariĝis dumvivaj membroj.
3. Nun Ĉinio organizas AMO3-n (Aktivula MaturigO-Seminario) en aŭgusto laŭ la gvido de UEA.
4. En la universitato Zaozhuang inaŭguriĝis Esperanto-Muzeo en la lasta novembro, kiun jam vizitis 10 mil homoj. En la venonta jaro la universitato malfermos 4-jaran Esperanto-fakon.

Poste okazis diskutoj pri diversaj aferoj. El ili plej aŭskultinda estis propono de s-ro Nitta Takamiĉi, junulo el Japanio. Li proponis :

1. Renkontiĝi vid-al-vide en kongresoj estas tre grave, do ni pliutiligu tiajn okazojn por pliprogresigi la movadon.
2. Unue analizu la situacion kaj poste diskutu por solvi la problemojn.
3. Oni ofte diras « Semu kaj semu », sed mankas vartado pri ĝermintaj semoj.
4. Ni devas pripensi, kiel adaptiĝi al la reta epoko.

Ĉiuj diskutis libere en tre amika etoso. Fine komuna fotado okazis kaj finiĝis la fruktodona kunsido. Ĉiu deziras, ke KAEM agadu laŭ la diskuto en tiu ĉi Azia Agado kaj en la venonta jaro multaj KAEM-anoj partoprenu.

(Raporto : HORI Jasuo)

# AMO3 finiĝis kun AMO

Esploristo el Nepalo esploristo@hotmail.com

Okazis AMO3 (**A**ktivula **M**aturig**O** tria) en Siano (Ĉinio) de la 16a de aŭgusto ĝis la 23a, gastigita de Siana Esperanto-Asocio kun la ĉeftemo: Konsciigo, kapabligo kaj praktiko de nia lingvo Esperanto. Vere AMO estas ege sukcesa kun 65 enlandaj kaj eksterlandaj partoprenantoj kaj pli ol 30 prelegoj pri diversaj temoj dank' al Siana Esperanto-Asocio kaj la teamo, kiu gvidis partoprenantojn dum la tuta evento. Ĉi-foje organizantoj de la Seminario estas surprizitaj, vidante tiom da junaj esperantistoj el diversaj mondpartoj. Notinde estas, ke ili montris sufiĉe altan nivelon de Esperanto.

Mi partoprenis en AMO kiel la reprezentanto de mia lando, Nepalo.



AMO3 estis fruktplena kaj memorinda por mia Esperanto-vivo. Mi lernis multe pri Esperanto kaj ankaŭ pri la ĉina kulturo kaj amikiĝis kun multaj ĉinaj gejunuloj. Se vi havas ŝancon partopreni tiun eventon, vi certe povas progresigi vian nivelon, kapablon, praktikon de Esperanto kaj volos labori por la Esperanto-movado. Do tiu ĉi forumo estis por mi ŝanco kaj potenco por energie labori en Esperantujo.

Fine, por kreskigi movadon en Nepalo mi sentis bezonon de tiu seminario kaj mi esperas, ke venontjare ni okazigos ĝin en Nepalo.

# 33-a KOMUNA SEMINARIO
# La 26an ~ 28an de decembro 2014
# Kunlaboro inter aziaj junuloj



Komuna Seminario estas tiu por junuloj en Azio. Ĝi okazas ĉiun jaron alterne en Koreio, Japanio, Ĉinio kaj Vjetnamio. En tiu ĉi jaro ĝi okazos en Hoh Chi Minh Urbo, Vjetnamio. Jen estas la aliĝilo de la KS.

**LOĜADO**

Mi volas loĝi en hotelo ☐

Memzorganto ☐

Mi ŝatus loĝi kun ☐

La prezo de loĝejoj por 2 noktoj: 500,000 VND

La prezo de loĝejoj por unu nokto (se ne tuttempo): 250,000 VND

La nombro de noktoj en hotelo: 1 ☐ 2 ☐

**MANĜADO**

Mi manĝas plene ☐ Sen manĝoj ☐ Nur bankedo ☐

Mi estas vegetarano ☐ Ĉiomanĝanto ☐

La prezo de manĝaĵoj por tuttempo estas 1,000,000 VND

La prezo de manĝaĵoj por unu tago: 200,000 VND
(tagmanĝo kaj vespermanĝo)

La prezo de la bankedo: 500,000 VND

La nombro de manĝtagoj: 1 ☐ 2 ☐

**EKSKURSO**
Duontaga ekskurso al Ku Ĉi tunelo: 500,000 VND
La prezoj inkluzivas veturilojn, turismajn ĉiĉeronojn, biletojn, trinkaĵojn kaj manĝaĵojn

**KONTRIBUO AL PROGRAMO**
Mi kontribuos al la programo per ☐

**PAGOJ (Aliĝkotizo)** *1 eŭro = 28,000 VND

| | Ĝis la 10a de nov. 2014 | Poste / Surloke |
|---|---|---|
| Eksterlandanoj | 1,500,000 VND | 1,800,000 VND |
| Vjetnamoj | 500,000 VND | 800,000 VND |
| Infanoj (< 11-jaraj) | 0 | 100,000 VND |

*Infanoj (<11-jaraj) pagas duonon de loĝkosto, manĝkosto kaj ekskurso-kosto.

**ENTUTE**:
Mi sendas la antaŭpagon ĝis la ☐ per ☐
Antaŭpagon sendu al UEA-konto: vejo-h (kun indiko KS 2014 + via nomo)

**KONDIĈOJ**
Via aliĝo ekvalidas, kiam la LKK ricevas la antaŭpagon kaj plenigitan aliĝilon. La aliĝperiodo estas kalkulita laŭ la sendodato de la kotizo. Se vi havas problemon pri antaŭpago, vi devas informi nin pri tio per la retadreso: vejo.vjetnamio @gmail.com.

# Nepalo

## Okazos la 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo




La 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo okazos ekde la 26-a de februaro ĝis la 8-a de marto 2015. Ĉi-foje, ni celas, ke la partoprenantoj turismu en mondfama turisma loko de Nepalo, Pun Hill. Ni havos diversajn esperantajn eventojn por plivastigi nian lokan movadon. En nia evento 'La 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo' ĉiuj aĝgrupoj povas facile partopreni, ĝui, kaj samtempe kuraĝigi nepalajn esperantistojn. Pli detale vi povas legi en www.esperanto.org.np
kaj 11a Himalaja Renkontiĝo 2015:

Apenaŭ ekzistas lando en la mondo, kiu povus rangi samnivele kun Nepalo rilate al natura, etna kaj kultura diverseco. Partoprenante la Renkontiĝon, vi havos ŝancon formi vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝi kun lokaj kaj alilokaj esperantistoj, kiuj partoprenos la samajn programerojn. Ni bonvenigas ankaŭ homojn, kiuj volas komenci lerni Esperanton dum la Renkontiĝo.

La programo estas planita por ke ĝi taŭgu al ĉiuj aĝgrupoj. Dum via restado, vi loĝos en bonkvalita hotelo en Katmanduo kaj en komfortaj gastejoj aŭ tendoj dum la piedvojaĝo. Ĉiuj manĝokostoj kaj aliaj similaj kostoj estas inkluzivitaj en la aliĝokotizo, sed ne asekuro. La kotizo estas kalkulita nur por kovri kostojn, ne por gajni monon. Similaj

turismaj servoj kutime kostas pli multe. Multaj niaj servoj estas faritaj de nepalaj esperantistoj.

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la Renkontiĝo en la valo de Katmanduo, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. Ĝian riĉan kulturan pasintecon atestas la tieaj historiaj distriktoj kaj monumentoj. Notindas tiuj de la plej grandaj urboj, Katmanduo, Bhaktapuro kaj Patano. Tie vi povos vidi kiel hinduoj kaj budhanoj restas fidelaj al siaj jarcentaj tradicioj malgraŭ multflanka moderniĝo de la valo. Ĉi-foje vi povos ekkoni la kulturon kaj vivmanieron de homoj en la okcidenta parto de Nepalo. La ĉefa parto de la Renkontiĝo estos busvojaĝo al kaj piedvojaĝo en la regiono preskaŭ 300 kilometrojn nordokcidente for de la valo de Katmanduo. Dum la marŝado vi trapasos multajn lokojn plenajn de vidindaĵoj, inkluzive Pokhara, Uleri, Ghodepani, Tadapani, Ghandruk kaj ree Pokhara. Ĉe la horizonto estos mondfamaj neĝmontoj de Nepalo, kreantaj majestajn vidojn de Himalajo.



La piedvojo inter Ghandruk kaj Ghodepani estas plejparte en neloĝata rododendro-arbaro. La tereno tie estas kovrita de arbaro kaj punktita de diversaj sovaĝaj floroj, inter kiuj estas malsamaj specioj de rododendro, la nacia floro de Nepalo. Vi ankaŭ ĝuos vidojn de nigraj simioj, cervoj, moskuloj ktp kaj diversaj specioj (pli ol 250) de montaraj birdoj. Ekde la komenco vi povos observi la vivon kaj kulturon de etnaj popoloj: la Gurungoj kaj Magaroj. Pri tiuj ĉi etnoj, oni opinias, ke ili devenas de Mongolio kaj Tibeto, kaj ili estas konataj kiel senafektaj kaj honestaj. Plejparte ili estas tradicie terkulturistoj kaj bredistoj. Ili havas distingajn lingvojn, domstilojn, vestojn, ornamojn kaj kutimojn, kaj estas aparte famaj pro siaj ravaj dancoj kaj muzikoj. La plimulto da ili vivas sur altaj deklivoj sude aŭ okcidente de riveroj. La vivo de tiuj montpopoloj estas modesta, ĉar laboro sur la deklivoj estas penega. Plejparte ili sekvas la budhisman religion.

Pun Hill estas unu el la popularaj piedvagadaj cellokoj de la masivo de Annapurna. Ĝi estas facile atingebla, sed piedvagantoj devas marŝi plejparte aŭ supren aŭ malsupren.

La programo sekvos la ĉefan vojon. Vi trairos pitoreskajn kampojn de rizo, abundajn arbarojn de rododendro kaj belajn vilaĝojn plejparte loĝatajn de Gurungoj kaj Magaroj. Pintoj de Annapurna, ekzemple Annapurna Sudo (7.219 m), Annapurna II (7.937 m), Annapurna III (7.555 m), Annapurna IV (7.525 m) kaj la Fiŝovosto (Machhapuchhare) (6.997 m) iĝos videblaj ekde la tago de la marŝado de Ghorepani ĝis Pun Hill.

Tiuj majestaj montoj aperas malsamaj ĉiutage. De Ghorepani kaj Pun Hill, vi povos ĝui vidojn de du montaroj samtempe: Annapurna kaj Dhaŭlagiri. Unuhora vagado de Ghorepani al Pun Hill frue matene premios vin per impona sunleviĝo sur pli ol 10 pintoj de Annapurna kaj Dhaŭlagiri. Kiam la suno tuŝos la neĝajn pintojn de la du gigantoj Dhaŭlagiri (8.167 m) kaj Annapurna (8.091 m) kaj amaso da aliaj pintoj, malrapide komencos aperi, kiel per magio, antaŭ viaj okuloj nekredebla vidindaĵaro.

Bharat Kumar Ghimire : nespa.1990@gmail.com
Ĝenerala Sekretario de Nepala Esperanto-Asocio

## Agadoj de Nepala Esperantista Junulara Organizo

Esploristo esploristo@hotmail.com



1. NEJO jam antaŭ 1,5 jaroj revekiĝis sub la prezidanteco de s-ro Bishwa Raj Goutam. Kaj de tiam ni agadas pli forte ol en la pasintaj jaroj.
2. Laŭeble ĉiusabate NEJO-anoj renkontiĝas en la Esperanto-domo kaj praktikas lingvon kun NEspA-anoj.
3. NEJO-anoj korespondas kun eksterlandaj esperantistaj gejunuloj.
4. Ĝenerala sekretario de NEJO s-ro Navaraj Budha partoprenis en la 100-a Japana Esperanto-Kongreso en 2013.
5. Esploristo, estrarano, partoprenis en la 32a Komuna Seminario en Pekino.
6. NEJO estis akceptita kiel landa sekcio de TEJO.
7. Ni havis unu-tagan ekskurson kun du eksterlandaj esperantistoj. Ekskurso estis gvidata de Esploristo.
8. NEJO-anoj volontulis dum la Speciala Himalaja Renkontiĝo de NEspA. Ĉefaj volontuloj el NEJO estis Alinka Pokheral, Abishek Pokheral kaj Mukunda Raj Chhetri.
9. Peter Ware, Mian Salam Shany kaj Esploristo prelegis pri Esperanto en pli ol 10 lernejoj en kaj ĉirkaŭ Katmanduo.
10. Esploristo partoprenis en Aktivula MaturigO AMO-3 en Ĉinio.
11. Nun ni laboras por la 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo okazonta en 2015 en Nepalo.
12. Ni kun NEspA nun estas diskutantaj kun la estraro de UEA pri okazigo de AMO en Nepalo. Espereble ni ricevos ŝancon okazigi ĝin.
13. Ni planas okazigi komunan piknikon de ambaŭ organizoj.
14. Ni elektos la novajn estraranojn de NEJO.

# La Dua Kongreso de Orienta Nepala Esperanto-Societo

La dua Kongreso de Orienta Nepala Esperanto-Societo (ONES) okazis la 11an de oktobro 2014 en Kabir School, Itahari, en la ĉambro de Kalalaja (Artejo). Partoprenis 46 esperantistoj, pli ol duono de la tuta membraro de la Societo.




**La prezidanto s-ro Cholnath Pokharel troviĝas meze en la blua ĉemizo.**

Homoj komencis alveni je la 7a horo matene. Kiel kutime, ili babilis kaj atendis ĝis sufiĉe multaj kolektiĝis. Dum tiu tempo, prezidanto kaj vicprezidanto de la Societo rakontis pri la valoro de la lingvo kaj estontaj planoj. Mi (Bharat) legis bondezirmesaĝojn de diversaj partoj de la mondo inkluzive de prezidantino de NEspA Indu Devi Thapaliya kaj estrarano de UEA Lee Jung-kee. Finfine la progamo komenciĝis je la 8:00. La kongreso komenciĝis per la internacia himno « La Espero ». Poste s-ro Cholnath Pokharel kondukis unuminutan silentadon memore

al la fonda prezidanto de la Societo s-ro Satyandra Banduupadaya, kiu forpasis antaŭ tri jaroj.

Reprezentantoj el diversaj lokaj organizoj kaj aliaj gravuloj – s-roj Lekha Nath Ghimire, Cholnath Pokharel, Shree Prasad Pokharel, Bharat Ghimire, Ganesh Neupane – parolis pri lastatempaj agadoj kaj novaj planoj kaj faris sugestojn ĉi-rilate.

La jara kaj financa raportoj estis prezentitaj respektive de s-roj Cholnath Pokharel, Ganesh Nepupane kaj Shree Prasad Pokharel. Membroj komentis, faris demandojn kaj fine aprobis ambaŭ raportojn.

La kongreso finiĝis per la elekto de nova estraro de la Societo. Jen nove elektitaj estraranoj: Cholnath Pokharel (prezidanto), Ganesh Neupane (vic-prezidanto), Ganesh Niraula (ĝenerala sekretario), Santosh Dhamala (sekretario), Umesh Guragai (kasisto), membroj: Ganesh Dulal, Mohan Timsina, Amrti Basnet, Abilasha Pokharel, Lokendra Dhakal kaj Ashok Adhikari.

Raportas: Bharat Kumar Ghimire

## Monika venis el Francio

La 22-an de oktobro 2014, s-ino Monique ARNAUD (Monika) el Francio, estis invitita kiel la speciala gasto de Southwestern State College, Katmanduo, Nepalo.

Ŝi montris kulturan filmon pri sia regiono kaj post sia prelego respondis demandojn de miaj gelernantoj. Ŝia vizito ege entuziasmigis gestudentojn, kiuj de kvar semajnoj lernas Esperanton kaj jam fondis klubon en la Kolegio. Entute 46 gestudentoj de Southwestern State College lernas Esperanton en mia kurso, sed pro la festivala feriado nur kelkaj, kiuj loĝas en Katmanduo, povis veni al la Kolegio por bonvenigi Monika-on. Bonvolu vidi kelkajn fotojn:

https://drive.google.com/folderview?id=0BwDD7aYOrMjoMWRyVFdjNkFSTEk&usp=sharing

**Mian Salam SHANY** m.s.shany@gmail.com

## Indonezio

# Varbado kaj instruado en Orienta Timoro

Heidi Goes<heidi.goes@gmail.com>;



Dum iom pli ol kvin semajnoj (5/8-10/9/2014) mi restadis en Orienta Timoro. La celo estis instrui Esperanton en la ĉefurbo Dili(o), kaj se eble ankaŭ viziti aliajn regionojn de la lando por informi pri Esperanto.

Mi jes ja instruis: ĉe la nacia radio, kie mi instruis ankaŭ pasintjare (RTTL: ses lecionoj de po du aŭ tri horoj, ĉiam semajnfine), ĉe la lingva trejnadejo kaj studentejo Lorico Training Centre (unu enkonduka leciono, ok pliaj lecionoj de po du horoj kaj unu fina lecioneto de duonhoro) kaj ĉe la Forumo de la ne-registaraj organizaĵoj de Orienta Timoro (FONGTIL: du lecionoj de ĉirkaŭ du horoj). Aldoniĝis unu komuna leciono de du horoj, malfermita al ĉiuj lernintoj en Dilio.

En Baucau mi donis mallongan enkondukon pri Esperanto al 12 infanoj kaj junuloj, konatoj de mia tiea gastiganto, kaj aparte al Imelda, 16-jara knabino, kiun mi hazarde renkontis kaj kiu tre entuziasmis. Sed mi faris ankaŭ aliajn aferojn. Mi ekzemple vizitis plurajn, diversspecajn instancojn (kiel ekz. vizito al la Ministerio pri Edukado, la ŝtatsekretariejo pri Junularo kaj Sporto, la nacia universitato, la publika biblioteko, iu organizaĵo pri homaj rajtoj, la nacia junularkonsilio, la Bahaa Centro, du porvirinaj organizaĵoj, iu bazlernejo... ) kaj gazetoficejojn, kie mi klarigis pri tio, kio estas Esperanto. En tri bibliotekoj en Dilio kaj unu en Baucau mi donacis Esperanto-librojn (donacoj de KAEM, PEA kaj Miguel Faria de Bastos).

Ankaŭ al pluraj gravuloj, ekzemple al la naciaj herooj José Ramos-Horta (Nobelpremiito pri Paco) kaj Xanana Gusmão

(ĉefministro), mi donacis librojn. Mi ne sukcesis persone renkonti la ĉefministron, sed mi ricevis poste, jam en Indonezio, dankleteron, en kiu li esprimis la esperon, ke estonte ni havos la eblecon pridiskuti la E-movadon en la mondo kaj la filozofion malantaŭ ĝi. La vizitoj al gazetoficejoj kaj hazarda renkontiĝo kun plia ĵurnalisto, kombine kun mia propra verkado de artikoloj, rezultis en tri aperintaj artikoloj dum mia restado en du tagaj gazetoj kaj unu semajna gazeto. Plia artikolo aperis en mia alventago, pro antaŭa kontakto, kaj du artikoloj aperis tuj post mia foriro. Kvin pliaj artikoloj aperis en oktobro, en monataj gazetoj.

Mi ankaŭ partoprenis, dum ok matenoj, kurson de la tetuna, unu el la du oficialaj lingvoj de Orienta Timoro. Tio multe helpis dum mia propra instruado. Mi disdonis kopiojn de la gramatiko en la tetuna, kaj de flugfolio en la indonezia. La 22an de aŭgusto mi havis preskaŭ 20-minutan intervjuon ĉe la nacia radio, en matena junulara rokprogramo. Je la fino de mia restado, la 6an de septembro, post la komuna leciono (vidu supre), ni starigis la E-klubon de Dilio 'La tri lagoj' (laŭ historia loko en Dilio).

En la retpaĝo
https://sites.google.com/site/esperantoenorientatimoro/instruvojaghoj/dua
vi trovas liston de alklakeblaj datoj por preskaŭ ĉiun tagon. Alklakinte unu el tiuj datoj, vi povos legi ties tagan raporton (preskaŭ nur pri mia E-agado), kaj plej ofte ankaŭ vidi kelkajn fotojn. En kelkaj tagoj mi aldonis tutan foto-albumon, precipe pri la ekskursoj kaj turismaj vidaĵoj. En la sama retejo troveblas ankaŭ la skanaĵoj de la tieaj artikoloj (alklaku en la menuo: 'en la amaskomunikiloj'). En mia Facebook-paĝo troveblas la tagaj raportoj en miaj Notoj, kaj fotoj pri ne-Esperanto-agado. La fotoj pri la Esperanto-agado troveblas en albumo en la paĝo pri Orienta Timoro:
https://www.facebook.com/groups/EsperantoOrientaTimoro.

Heidi Goes<heidi.goes@gmail.com>;

## Rusio

### "Renkontiĝo de Amikoj - 9"

Vladimir Minin mininvl@yahoo.com

La 2an - la 11an de aŭgusto 2014 en vilaĝo Ĉibit de Respubliko Altajo en Rusio sukcese pasis "Renkontiĝo de Amikoj - 9". La Esperanto-aranĝon partoprenis 30 personoj kaj 1 hundo. 27 personoj venis el Rusio kaj po 1 persono venis el Germanio, Francio kaj Hispanio. La seksa aparteno: 10 viroj, 20 virinoj kaj 1 hundino. Ankaŭ la hundo komprenas kelkajn E-vortojn kaj E-komandojn.

Enkadre de RA-9 okazis seminario pri la aktuala politika situacio en la mondo, kiun iniciatis germana esperantisto Eric Rademacher. Plejparte temis pri la situacio en Krimeo, Ukrainio, NATO-landoj, EU-landoj kaj en aliaj landoj. La diskutojn partoprenis Eric Rademacher, Rafael Mateos Gonzales, Tierri Mouden, Mansur Mamkin, Saŝuk, Vladimir Minin kaj kelkaj aliaj. Entute partoprenis pli ol dek personoj. Pli detala raporto pri la seminario kaj pri RA-9 aperos poste.



# Vjetnamio

## SOREN 2-a kun neforgeseblaj emocioj

Nepo Nguyen ejung.hanoi@gmail.com




SOREN - mallongigo de Somera Renkontiĝo estas la ĉiujara evento de vjetnamaj junuloj kaj organizita de Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO). SOREN 1-a ja okazis lastjare en Ninh-Binh-provinco kun 18 partoprenintoj el 3 landoj, kaj ĉi-jare SOREN 2-a, kiu okazis dum 2 tagoj (5-an kaj 6-an de julio) en bela montara distrikto – la provinco Tam Dao de Vinh Phuc allogis 38 aliĝintojn el 6 landoj, t.e Ĉinio, Japanio, Koreio, Francio, Aŭstralio kaj Vjetnamio kun la ĉeftemo "Ĝuu someron en Esperantujo."

Je la 7-a matene la 5an de julio, ni kolektiĝis ĉe Vjetnama Nacia Universitato kaj ekvenis al Tam Dao, kiu estas konsiderata kiel la dua Sapa de Vjetnamio kun milda vetero kaj pluraj interesaĵoj. La ĉirkaŭ 90-kilometra vojo ŝajne estus pli mallonga pro amuzaj salutoj kaj interamikiĝoj inter partoprenintoj de 3-jara ĝis 76-jara!

En la posttagmezo, ni vizitis "Arĝenta Akvofalo"-n (Thac Bac) – la fama akvofalo de Tam Dao kaj kunnaĝis en la naĝejo situanta en la centro de la distrikto. La naĝejo ŝajne estus invadita de "petolemaj geknaboj" kun multaj interesaj subakvaj ludoj.

Tamen, la plej allogaj programeroj vere okazis dum tiu vespero! Laŭ antaŭintencoj de LKK, SOREN estas la ejo, kie ĉeestantoj, plejparte forgesante okupitajn laborojn, ĝuu junan kaj amikecan etoson en Esperantujo. Tial LKK bone preparis plurajn amuzajn ludojn kaj programerojn, kiuj jam sukcese kontentigis aliĝintojn. Unue, f-ino Nguyen Thi Phuong (Flama), prezidanto de VEJO, havis mallongan paroladon por saluti kaj danki al ĉeestintoj pro iliaj subtenoj al SOREN speciale kaj VEJO ĝenerale. Ŝi ankaŭ legis gratulo-retleterojn senditajn de TEJO kaj ILEI okaze de SOREN 2a. Poste, ankaŭ s-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA (Vjetnama Esperanto-Asocio), salutis kaj gratulis al VEJO pro ĝiaj plenklopodoj por okazigo de la ĉiujara evento.

Post la eta malferma ceremonio, ni ĉiuj kuniĝis en la "tradicia" kaj konata danco en Esperantujo kun la bela melodio de ne-malpli-konataj kanzonoj "Ĉu vi volas danci?" kaj "La Bambo" ĉirkaŭ la tendarfajro. La danco helpis konekti tieajn homojn pere de iu abstrakta ŝnuro, kiun ni ne povis vidi, nur senti per esperantistaj koroj. Sekve, ni kune kunĝuis kaj kunspertis tiel amuzajn ludojn kiel "Transportu kaŭĉukojn per bastonetoj" aŭ "Kolektiĝu kun numeroj". La ludoj aldonis al la ĉeestantoj senhalteblajn ridetojn kaj gajan etoson. Ankaŭ *karaoke*-o estis unu el la plej ŝatataj eroj de la programo. Ĝi estis tiel amuze, ke ni kantis la anglajn kanzonojn esperante! Kiel dirite, Esperanto estas la lingvo de kreado, do ĝiaj parolantoj ankaŭ estas kreemaj.

En la dua tago, ni vizitis la templon de Surarbara Patrino, spektis la belecon kaj sentis sanktecon de tiu ĉi loko, kiu estis ĉirkaŭita de nuboj.

Du tagoj estis tiom mallongaj por la renkontiĝo de malnovaj geamikoj, kiuj jam de longe ne vidis unu la alian, tiom mallongaj por amuzaĵoj kaj belaĵoj.

SOREN 2-a jam finiĝis kun ne nur belaj, neforgeseblaj memoroj sed ankaŭ bedaŭroj. Ni bedaŭras, ke la komuna kaj ĝoja tempo ja rapide pasis; ke ni ankoraŭ ne povis plenumi la programeron, t.e la oratora konkurso ne povis okazi laŭplane pro manko de tempo. Tamen, SOREN 2-a nepre pli sukcesis ol la unua! Ĝi allogis pli da aliĝintoj el pli da landoj, ĝia programo estis pli interesa kaj esperantema. Fakte, SOREN 2-a estis plej sukcesa ĉe la flanko, ke ĝi kolektigis bonamikojn, kiuj jam de longe volis revidi sed ne havis ŝancon fari tion. SOREN ĉi-jare jam finiĝis, sed ankoraŭ estas multaj ĝiaj postaj sentoj aŭ emocioj, kiuj estas esprimataj ĉe publikaj paĝoj. Zhu Xin, ĉina esperantisto loĝanta en Ho Ĉi Minh Urbo, jam skribis: "Antaŭ mia vojaĝo al Hanojo por SOREN 2-a, mi jam forlasis Esperantujon pli ol 4 jarojn. Reveninte de Hanojo al Sajgono, mi subite eksentis, ke mia sento pri Esperanto estas denove kiel antaŭ pli ol 10 jaroj, kiam mi ĵus eklernis Esperanton…. Mi jam longe ne elprenis tiun memoron el profundo de mia cerbo. Dum kelkaj jaroj mi pensis, ke mi eterne forlasis Esperanton, kiu estis iam forte unuigita kun mi." Verdirite, dank' al SOREN 2-a, ni havis ŝancon por ĝui bonan komunan tempon, por memorigi la belajn pasintajn tagojn, kaj por vekiĝi post la dormo kiel diraĵoj de kelkaj esperantistoj.

# Uzbekio

Anatoli imps86@yahoo.com

## Internacia Letervespero

Mi ŝatus sciigi vin, ke la Internacia Letervespero, dediĉita al la Tago de la urbo Samarkando 2014, bone sukcesis. Aperis kelkaj tiutemaj publikaĵoj en la regiona tagĵurnalo. Krome mi publikigis sufiĉe detalan raporton (kvankam iuj leteroj estis iom koncizigitaj) pri la evento en la tutlandaj retejoj:
http://kultura.uz/view_7_r_3227.html
http://www.12news.uz/news/category/4_calture/

P.S. Supozeble, vi jam konatiĝis kun nia alia projekto - novaperinta libro pri Samarkandiana (kun Esperanta resumo kaj plurlokaj mencioj pri Esperanto kaj esperantistoj): http://kultura.uz/view_7_r_3206.html

## Nova libro eldonita

La 15-an de oktobro 2014 en Samarkando estis lanĉita la nova libro "Konciza Enciklopedio de Eksterlanda Samarkandiana: Kulturo Unuiganta la Mondon".

La libro estas ruslingva kun unupaĝa resumo en 10 lingvoj inkluzive Esperanton, kiu estas plurfoje menciita en la volumo.

Vidu la ilustritan ruslingvan raporton pri la evento ĉe:

http://kultura.uz/view_7_r_3206.html

Tiuj, kiuj ne scipovas la rusan, povas senprobleme Esperantigi aŭ nacilingvigi la tekston, uzante Guglon.

# Mongolio

## Informo pri Mongola Esperanto-Societo

Chimedtseren Enkhee encho@yahoo.com

Mi donu al vi malgrandan informon pri Mongola Esperanto-Societo (MES). Antaŭ tio mi citu kelkajn liniojn el la raporto de mongola kongresanino Azjargal Jigjid por publika KAEM-kunsido; la 98a UK en Rejkjaviko, Islando:

“… *En majo (2013), tiama Estraro de Mongola Esperanto-Societo eksiĝis pro tio, ke ĝi decidis doni eblecon al aliaj esperantistoj, por aktivigi laboron de la Societo. Nun nova Estraro, elektita de societa ĝenerala kunveno, prilaboras sian labor-planon. Eble ekde septembro, la agado de Mongola Esperanto-Societo pli aktiviĝos...*”

La jaro 2014 estas la kongresjaro de mongolaj esperantistoj, alivorte ĉi-jare oni devus okazigi la 3an mongolan kongreson de Esperanto. Sed la nova estraro nenion faris kaj ĝi antaŭ nelonge petis eksigon de la

estraro. Pro tio, la 4an de julio de 2014 la aktivuloj de MES kunsidinte pritraktis multajn aferojn jam aktualigitajn ĉe MES kaj interkonsentis:

1/ Okazigi la 3an Mongolan Kongreson de Esperanto en septembro 2014, en Ulanbatoro.

2/ Fondi la kongresan komitaton kun konsisto de s-ro Chimedtseren Enkhee /kunordiganto/, Dogsuren Khurelbaatar, Khurgaa Dashdorj kaj s-ino Dorj Gandolgor.

3/ La komitato ankaŭ respondecas pri laboroj (membrokotizoj kaj la asocia kotizo de UEA ktp) de MES ĝis la 3a mongola kongreso.

4/ Ĝis nun la mongolaj kongresoj okazis ĉiun sesan jaron. Ekde 2015 oni okazigos la kongreson ĉiu-jare kun abundaj kultur-turismaj programeroj.

5/ Antaŭe MES planadis tro multajn kaj pezajn laborojn, sed ne sukcesadis plenumi ilin, do ekde nun MES planos nemultajn kaj precizajn laborojn, ekzemple
   1) regulan kunvenon de la membroj;
   2) regulan kurson de Esperanto;
   3) aktivan utiligadon de sociaj blogoj, ekz. Facebook, por propagando de Esperanto ktp.

6/ Oni decidis
   1) sendi instruistojn al okcidenta kaj orienta partoj de la lando;
   2) sendi instruiston al Burajatio /poste Tuvio kaj Kalmukio/, mongolaj respublikoj en Rusio;
   3) partoprenigi siajn reprezentantojn julie en la aktivula seminario 2014 en Xi’an, Ĉinio kaj en la Komuna Seminario decembre 2014 en Vjetnamio;
   4) ekfunkciigi ĉe MES la Junularan Sekcion kaj ILEI-sekcion.

PS: Rilate al sendo de sia instruisto al Burjatio kaj la partoprenigoj de siaj reprezentantoj en la seminarioj MES volas peti parton de la internacia subvencio.

# Pakistano

## Raporto de la Estrara Kunsido

La 26an de oktobro 2014, estrara kunsido de Pakistana Esperanto-Asocio okazis en la urbo Lahore kaj decidis jenajn aferojn :

1. S-ro Raheem Shah Khan raportis pri sia vizito al Multano kaj Bahava por disvastigi nian movadon inter gestudentoj.
2. S-ro Shabbir Ahmad Sial raportis pri siaj agadoj en Murree.
3. Oni diskutis kaj planis pri venontjara kongreso, kiu okazos en decembro, kaj decidis okazigi kunsidojn regule por sukcesa okazigo kaj ankaŭ decidis aranĝi Esperanto-kursojn en Lahore, Multan kaj aliaj urboj.
4. Oni decidis okazigi internacian kongreson de Esperanto en la norda parto de Pakistano anstataŭ la somera kongreso, kiu ne estis okazigita en la lastaj jaroj. La 1a internacia kongreso okazos en Murree. Ni sendos invitilon al aziaj, speciale sud-aziaj, landaj asocioj.
5. Oni decidis subteni kaj kunlabori kun komitato de Sud-Azia Seminario kaj decidis, ke oni sendu oficialan reprezentanton en la 3a Sud-Azia Seminario okazonta en Srilanko. Oni nomis s-ron Shabbir Ahmad Sial por labori en la Sud-Azia Seminario.
6. Fine oni ankaŭ decidis kelkajn administrajn kaj financajn aferojn.

Shabbir Ahmad Sial,
prezidanto de Pakistana Esperanto-Asocio
pakesa_prezidanto@yahoo.com

# Ĉinio

## La Internacia Somera Lernejo en Tiefo-templo de Xi'an

ILEI-CN kaj Xi'an-a E-Asocio daŭre kunlaboras en E-instruado. Jen raporto de WEI Shan kaj Chen Ji:

http://www.espero.com.cn/2014-07/14/content_32946804.htm

La 13an de julio komenciĝis la kurso de la Internacia Somera Lernejo de Esperanto en Tiefo-templo de la urbo Xi'an, ĉefurbo de Shannxi-provinco, nordokcidenta Ĉinio. Antaŭ du jaroj ILEI-CN kaj Xi'an-a E-Asocio ekokazigis la someran lernejon por kulturi esperantistojn dum someraj ferioj en la lando. Ĉi-jare la lernejo kun 14 lernantoj el Nepalo, Koreio kaj de Taiwan, Xi'an kaj aliaj lokoj de Ĉinio havas du-nivelajn kursojn, nome bazan kurson kaj perfektigan kurson gvidatajn de Miaohui, veterana esperantisto. La kursoj daŭros kvin semajnojn.



## Kamboĝo

### Nova rendevuo kun Azio

Tatjana Loskutova, Ivanovo, Rusio lota49@mail.ru

Antaŭ du monatoj, aŭguste 2014, mi revenis el Sud-Orienta Azio vizitinte ĉi-foje krom Vjetnamio novan por mi landon - Kamboĝo. Multaj el miaj gekonatoj jam ne plu miras, ke mi veturas al t.n. «ekzotaj» landoj, kiuj ne estas vizitataj de averaĝaj turistoj, des pli plej ofte mi vojaĝas ne turismcele, sed havante alian mision – informi pri Esperanto kaj instrui ĝin. Nun, kiam jam frostetas en centra parto de Rusio, mi rememoras kun sopiro varmajn tagojn, kiujn mi spertis dum mia somera restado en foraj landoj. Ĝenerale, mi ŝatas konscii, ke

veturante eksterlanden, mi eniĝas por certa tempo al alia realeco kaj kulturo, konatiĝante kun novaj homoj kaj alfrontante diversajn situaciojn. Ĉio supre menciita ankaŭ prezentiĝis en Kamboĝo.



Kamboĝo estas lando, kien mi veturis laŭ la sugesto de s-ro Lee Jungkee, estrarano de UEA. Mi retumis al esperantisto Sreng Teklong, loĝanta en Pnompeno. Li reagis tuj kaj esprimis ĝojon pri proponita helpo en E-instruado. Ni interkonsentis pri 10-taga intensa E-kurso. Kun Teklong ni pasigis multe da tempo ĉe komputilo en vestiblo de mia hotelo en Pnompeno pretigante ĥmerlingvan version de mia priesperanta prelego por kamboĝanoj. En Kamboĝo geesperantistoj ne multas, tamen tiuj (ili estas ĉ. 8-10 junaj personoj), kiujn kunvenigis Teklong S., kolektiĝis en la privata lingvolernejo en centro de la urbo kaj sekvis mian E-kurson. Pere de komputila prezentado surmure de klasĉambro mi instruis E-fonetikon kaj gramatikon, legadon kaj skribadon, informis pri diversflankaj aspektoj de Esperanto kaj ĝiaj celoj. Ne mankis ankaŭ mencioj pri E-literaturo kaj kulturo, prezento kaj lernigo de E-kantoj.

De tempo al tempo, ne ofte, venas eksterlandaj geesperantistoj al Pnompeno, tiam Teklong akompanas ilin tra la urbo. Kun helpo de s-ro Eng el Malajzio Teklong lanĉis E-interretpaĝon (www.etk-amiko.blogspot.com) pri turismado en Kamboĝo kaj la paĝon en Fejsbuko (https://www.facebook.com/groups/295140460629784/). Mi supozas, ke endos subteni kamboĝanojn en ilia strebo E-aktivi, tial bv. direkti viajn mesaĝojn kaj bondezirojn al la adreso en Fejsbuko.

Dimanĉe E-lecionoj ne okazis, tial mi akceptis proponon de Teklong konatiĝi kun la kamboĝa ĉefurbo. Venante al sud-orientaj aziaj landoj mi volonte veturas motorcikle. Do, ĉi-foje prezentiĝis la sama ebleco: dum ripoztago trafiko estas relative trankvila, tial ni atingas cellokojn sufiĉe rapide. Laŭ proponita de Teklong itinero ni venas unuavice al muzeo de genocido. Ĝi troviĝas en konstruaĵo de prizono, kiu antaŭe estis lernejo. Ekde 1975 la lernejo estis likvidita de ruĝaj ĥmeroj kaj transformita al prizono por «malamikoj de popolo». Ĉi tie ili estis kruele turmentitaj. Rezulte ili konfesadis ĉion, kio estis postulata. Post pliaj torturoj oni mortigadis viktimojn.

Sekvis vizito al la Nacia muzeo, konstruaĵo en ĥmera stilo, kiu enhavas la plej ampleksan kolekton de ĥmera arto. Ĉi-tie troviĝas historia kaj etnografia kolektoj, specimenoj de tradiciaj metioj kaj diversaj artaĵoj. Inter ili abundas skulptaĵoj, bronzaĵoj, ceramikaĵoj. Oni povas vidi ankaŭ multajn relikvojn, trovitajn dum foslaboroj en templa komplekso Angkor. Inter vizitantoj plimultis eksterlandanoj.

Unu el la plej signifaj lokoj kaj sendube devigaj por vizito en Pnompeno estas Reĝa Palaco. Konstruita en 1866 kaj rekonstruita en 1913, ĝi restas ĝis nun funkcianta rezidejo de la kamboĝa reĝo, en kiu multas salonoj kaj pavilonoj, vilaoj kaj pagodoj, statuoj kaj ĝardenoj. Sur teritorio de la rezidejo troviĝas ankaŭ «Templo de smeraldkolora Budho» kun statuo ĉizita el unupeca smeraldo.

La privata lingvolernejo, kie okazadis E-lecionoj, troviĝas en la centro de la urbo ĉe la placo, sur kiu altas Monumento de Sendependiĝo. Ĝi estis konstruita en 50-aj jaroj simbolintaj liberiĝon de franca superregado en novembro de 1953. La Monumento similas forme al lotuso kaj plibelas en malhelo, kiam ĝi estas lumigita.

Veturante tra la urbo mi rimarkis konstruaĵon, sur kies barilo pendis ŝildo en la rusa lingvo. Tio estis Rusia Centro pri scienco kaj kulturo. Do, sekvan tagon mi vizitis ĝin kaj renkontiĝis kun ĝiaj oficialuloj. Mi rakontis al ili pri mia intenco fari prelegon pri Esperanto. La oficialuloj de la Centro esprimis intereson pri proponita aranĝo kaj organizis ĉion bezonatan laŭ mia sugesto. Do, la prelegon partoprenis ĉirkaŭ 40 junuloj, lernantoj de la Centro, kiuj studas la rusan lingvon, +6

gelernantoj de mia E-kurso, oficistoj de la Centro. Ni organizis malgrandan E-libran ekspozicion, pendigis E-flagon. La prelego pasis sukcese: mi parolis ruse kaj esperante, Teklong tradukis al la ĥmera lingvo. Por la biblioteko de la Rusia Centro mi donacis kelkajn ekzemplerojn de E-legolibro. La Rusia Centro aperigis ruslingve informon pri la aranĝo en interretpaĝo de «Russotrudniĉestvo» («Rusia kunagado»), kies adreso jenas : http://khm.rs.gov.ru/ru/node/1778. En ĝi la organizantoj sciigis, ke la 8an de aŭgusto okazis seminario pri lingvistiko kaj filologio en rusa, esperanta kaj ĥmeraj lingvoj, kiun gvidis mi (menciita mia nomo kaj laborloko/posteno en Rusio). Ne gravas, ke organizantoj de la aranĝo, kiu estis plene dediĉita al Esperanto, prezentis ĝin favore al sia agado.

La sekvan tagon ni veturis kun Teklong al Reĝa Universitato de Pnompeno. Akompanataj de juna oficistino parolanta la francan lingvon ni eniris administran oficejon kaj vorton post vorto klariĝis, ke s-ro Toch Sopheap, supera oficisto, al kiu venigis nin la junulino, parolas la rusan, ĉar iom pli ol 20 jaroj antaŭe li studis en Moskva Ŝtata Universitato. Bonŝanco! Pluse, unu jaron pli frue li eklernis la rusan lingvon en Ivanovo, urbo, kie mi loĝas! Imagu mian kaj des pli lian surprizon! Do, ni longe babilis ruslingve ekster oficejo. Certe, la emociplena pro rememoro oficisto konsentis helpi aranĝi prelegon pri Esperanto kaj organizi postan E-kurson. Sed tio povos okazi nur aŭtune pro someraj ekzamenoj ĉe studentoj kaj pro certaj formalaĵoj, kiujn necesas plenumi: rektoro devas subskribi permeson. Mi ŝatus kredi, ke ĉio planita okazis : nun mi atendas ĉi-rilatajn informojn de Teklong.

Dum la lasta E-leciono mi konsilis al Teklong kaj miaj/liaj lernantoj nepre partopreni la 33an E-Komunan Seminarion, kiu okazos decembre en Ho Chi Minh-urbo (Vjetnamio). Same s-ino Le Thien Thu (Aŭtuna) dum sia maja vizito al Pnompeno invitis kamboĝanojn al ĉi-aranĝo.

Laŭ mia forta opinio estos bezonata daŭra prizorgo de E-situacio en Kamboĝo. Montriĝis, ke endas flegi eĉ malgrandan grupeton de dezirantoj lerni Esperanton, des pli ke fine de la kurta E-kurso ĉe adiaŭo mi aŭdis de gelernantoj gramatike korektan kaj kortuŝe balzaman frazon : «Mi amas vin!».

## Japanio

### Studenta revuo Paŝo n-roj 6 kaj 7 eldoniĝis

**Paŝo n-ro 6**

https://drive.google.com/file/d/0B9UKBw1JrNO0Q3hZV2VzZ3gzVWM/edit?usp=sharing

La enhavo:

1. Espero de unu lernanto de supera mezlernejo de Fukumoto Kooiĉi
2. Enfluginte en Esperantujon de Anzai Kooki
3. Esperanto kaj Mangao de Suzuki Kazeto
4. Verda libroŝranko de Ŝirakaŭa Juma

**Paŝo n-ro 7**

https://drive.google.com/file/d/0B9UKBw1JrNO0ZERSY3VzRURMVUk/view?usp=sharing

La enhavo:

1. La 101a Japana Esperanto-Kongreso (Esperante kaj japane)
2. Esperanto de muziko (japane) de Masutabe (japane)
3. Esperanto Aspekto de Kakuĉi Sooŝun (japane)
4. Recenzo pri "Vojaĝo de Onia" (Esperante kaj japane) de Asao
5. Recenzo pri "Mistero de plenaĝul-lingvo" (japane) de Ŝirakaŭa

Ni atendas vian kontribuon. Redaktoro de Paŝo

pasxo.esperanto@gmail.com http://pasxo.blogspot.jp/

### Nova Traduko de la Konstitucio de la Regno Japanio

**http://www.vastalto.com/arkivo/Japana_Konstitucio_NUN.html**

La unua esperanta traduko de la Konstitucio de la Regno Japanio aperis tuj post la proklamo de la Konstitucio per la kunlaboro de INOUE Masuzô kaj HASEGAWA Riei. Ĝi estis unu el la monumentaj laboroj de la japana esperantistaro tiutempe. Sed jam pasis pli ol 60 jaroj ekde la unua eldono kaj iom post iom rimarkiĝis, ke ilia traduko tamen ne estas sen mankoj.

Ni opinias, ke ekzakta kaj fidinda esperanta traduko necesas por ke japanaj kaj alilandaj esperantistoj diskutu pri la Japana Konstitucio cele al paca interkompreniĝo de la tutmondaj popoloj.

Pro tio ni, la grupo NUN-vortoj, decidis pretigi novan tradukon. Ni celis ĉefe ordinarajn esperantistojn nefakajn pri juro. Ni klopodis, ke nia traduko estu klara kaj facile komprenebla por niaj internaciaj legantoj sed samtempe kiel eble plej fidela al la originalo.

Por nia traduklaboro ni ricevis plurajn utilajn konsilojn. Ni aparte dankas al Urlich LINS, Mirejo GROSJEAN, ISINO Yosio kaj ISIKAWA Takasi.

Ni esperas, ke nia traduko estos legata kaj citata de multaj esperantistoj.

La 3-an de novembro 2014.

NUN-vortoj (HIROTAKA Masaaki, SIBAYAMA Zyun'iti,
YAMAKAWA Syūiti)

## Raporto pri la 30a Internacia Esperanto-*Sumoo*

HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

*Sumoo* estas japana tradicia lukto. Ĉiun jaron okazas 6 konkursoj en neparaj monatoj: januaro, marto, majo, julio, septembro, kaj novembro. Unu konkurso daŭros 15 tagojn.

Esperanto-*Sumoo* estas konkurso, en kiu esperantistoj legas librojn laŭ sia volo por plialtigi sian lingvokapablon. En septembro okazis la 30a Internacia Esperanto-*Sumoo*. Jen ests la rezulto :

1. Partoprenantoj: 164 el 26 landoj
2. Laŭlandaj nombroj :
   Japanio: 50, Francio: 27, Pollando: 15, Svislando: 13, Vjetnamio: 8,
   Finnlando, Serbio, Koreio: 5, Italio, Germanio: 4
   Brazilo, Danio, Nederlando, Nepalo: 3
   Rusio, Italio, DR Kongo, Svedio: 2
   Tajvano, Turkio, Barato, Hungario, Kanado, Argentino, Kubo, Mongolio: 1

3. Perfektaj venkintoj (15 venkoj): 139/164 (84,75%)
4. Kvanto de legitaj paĝoj: 14000 paĝoj

Nun la novembra *Sumoo* okazas ekde la 9a de novembro ĝis la 23a de novembro.

Detalan informon vi vidu en :
http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

# Paĝo de KAEM

## Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare aŭ retan version. Vi ne plu estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn tri aferojn.

1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.

2) Viaj agadoj por la movado en 2014 kaj planoj en 2015.

3) Membreco: MG, MJ(-T) aŭ MA(-T) kaj UEA-kodo, se vi havas ĝin.

*MG : kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado kaj la revuo Esperanto rete.

MJ(-T) : kun Jarlibro kaj la revuo Esperanto rete (kaj ĝis inkl. 29 jaroj membro en TEJO kun Kontakto)

MA(-T) : kiel MJ(-T) plus la revuo Esperanto

2. Sendu rete al s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com

Aŭ sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
* Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.

3. Limdato: la 30a de novembro 2014.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson <u>en Esperanto</u>!**

2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2014 membriĝis el
Vjetnamio, Ĉinio, Indonezio, Mongolio kaj Taĝikio

* Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj･Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Aliaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.




(Foto : mondonaco de koreaj esperantistoj)

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn.

D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.

D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.

D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

**Tutmonde**

**2015**

7.25~8.01 / La 100a Universala Esperanto-Kongreso (Lille, Francio)

7.17~7. 25 / La 48-a Konferenco de ILEI (Oostende, Belgio)

**Azio**

12.30~ 2015.1.2 / Transjara Kurskunveno de Oomoto (Kameoka)

12.26~12.28 / La 33a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj (Ho Chi Minh, Vjetnamio)

**2015**

2.20~22 / La 2a Srilanka Esperanto-Kongreso (Ĝa-ela, Srilanko)

2.26~3.8 / La 11a Internacia Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo, Annapurna, Nepalo)

**KAEM-anoj**

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo "Esperanto en Azio"

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee enchjo@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in

Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS

**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru

Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)

**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com

Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto)

**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com

Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)

Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp

Kompilado de la revuo “Esperanto en Azio”

Lee Jung-kee (Koreio) esperanto@saluton.net

Konsilanto pri interrilato de aziaj landoj

Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp

Helpanto de la estraranoj de KAEM

**Helpantoj**

Tahira Masako : Provlego de « Esperanto en Azio »

Japanaj esperantistoj kaj Esperanto-Instituto : ekspedo de « Esperanto en Azio »

…………………………………………………………………………

**Esperanto en Azio**

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado

Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM ĉi suben):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>

TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/

Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3